Esperanto servu pacon!

A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1976/77 N-1(34) Aŭgusto - septembro

KONCIZA PROTOKOLO
DE LA JUBILEA 10-A KONFERENCO DE SEJM-KONSILANTARO

La unua tago - 12.8.76.

V.Aroloviĉ en la nomo de SEJM-Komitato malfermis la Konferencon. P.Jegorovas tralegis salutleteron de BET-17 al la Konferenco.

Temo: RAPORTOJ DE LA SEJM-KLUBOJ

BARNAUL (A.Gonĉarov). En la klubo estas ĉ. 10 aktivuloj. La ĉefa laboro estis instruado de E. Funkciis du kursoj (Lukjanec, Stolbun); okazis kelkaj prelegoj. Ĝenerale la klubo laboris ne tre bone pro okupateco de la aktivuloj.

BIRSK (R.Gabitova). La klubo funkcias ĉe la pedagogia instituto. Estas 12 membroj, ĉiuj - studentoj. La klubo organizis prelegojn, propagandvesperojn, eldonis murgazetojn. Oni partoprenis en du REVJ, 2 pers. venis al SEJT.

ĈELJABINSK (G.Simonova). La klubo ricevis duĉambran ejon. Funkciis 3 E-kursoj. Oni preparis 7 prelegojn, aperigis artikolojn en la regiona kaj urba gazetaro. La klubo organizis interurban majfestan renkontiĝon.

ĤARKOV (J.Lupickaja). El 30 klubanoj aktivas duono. Oni partoprenis 3 renkontiĝojn. Okazis prelego en la universitato. Funkciis 3 kursoj, sed la rezultoj ne estas bonaj. La klubo abonis E-revuojn, akiris novajn librojn.

IVANOVO (T.Loskutova). La klubo havas 30 membrojn. Estas faritaj ĉ. 20 prelegoj. Oni aktive partoprenas renkontiĝojn. 3 pers. ekzameniĝis en Tartu. Funkciis 4 kursoj, unu el ili por eksterlandanoj.

KIEVO (J.Matvijiŝin). La klubo aktivas malpli ol antaŭe. Ejo forestas, multaj aktivuloj forveturis. Estas kontaktoj kun alilernejoj. Sufiĉe forte statas la eksterlandaj rilatoj.

KLAIPEDA (S.Sadauskis). Preskaŭ ĉiuj klubanoj partoprenis en BET. Estis organizitaj 3 E-kursoj. Oni partoprenis kelkajn renkontiĝojn. La klubo organizis 2-tagan tendareton en Girulia.

KRASNOJARSK (V.Sapoĵnikov). En la klubo membras 50 pers., precipe studentoj. Aktivas duono. La klubo oficialiĝis ĉe la gorkomo de Komsomolo, ricevis klubejon kaj ejojn por la E-kursoj. La klubanoj partoprenis en OSER kaj BET. Estas fondita E-fako ĉe la fakultato de sociaj profesioj en la universitato. Okazis 10 prelegoj.

KUJBIŜEV (N.Ovĉinnikov). La klubo "VELO" (Vivu Esperanto - la Lingvo de Optimistoj) havas ĉ. 8 aktivulojn. Oni organizis du rondetojn. La klubanoj ofte ekskursas por praktiki la lingvon. Estas murgazeto "Velo". Estas organizita ekspozicio de infandesegnaĵoj en la pionirpalaco. Klubejo mankas.

MAĤAĈKALA (A.Junusov). La movado nun stagnas pro manko de spertaj E-istoj. Funkciis du E-kursoj, estas eldonita unu murgazeto. Okazis kelkaj televidaj elsendoj. Oni organizis ekspozicion de E-

libroj.

MEĴDUREĈENSK (S.Kotljarov). En la klubo membras 8. 20 pers. La klubo havas propran ejon, en kiu estas granda E-ekspozicio. Anonco pri la klubo estas ĉiusabate en la urba ĵurnalo. Aperis 3 artikoloj. La klubo akceptis eksterlandajn gastojn. Funkciis du kursoj.

MIASS (T.Koptjagina). La klubo havas 20 membrojn, aktivas 10. Okazis 16 prelegoj. Funkciis kelkaj rondetoj. Aperis 4 artikoloj en la loka ĵurnalo. La klubanoj partoprenis 2 renkontiĝojn kaj 2 organizis. Oni sendis 14 leterojn al la instancoj, venis 3 respondoj. La klubo ne havas spertulojn, mankas propra ejo.

MOSKVO (J.Ŝerstnjova). Funkciis kelkaj kursoj por komencantoj, la rezulto estas bona. Oni organizis CRRER-14 kaj partoprenis multajn aliurbajn renkontiĝojn. Estas eldonata propaganda murgazeto. Aperis pluraj artikoloj en la ĵurnalo "Metrostrojevec".

NOVOMOSKOVSK (A.Kuprijenko). La klubo estas precipe studenta. La jaro estis malsukcesa: oni fiaskis pri laborbrigado en Bulgario, pri abonado, pri kontaktoj kun la packomitato. Okazis ekspozicio, prelegoj, ekskursoj.

NOVOSIBIRSK (A.Buttaŭ). La klubo funkcias oficiale jam 10 jarojn. Estas ricevita propra ejo. Funkcias kursoj por komencantoj kaj por progresantoj. Okazis prelegoj, ekspozicio. Kelkaj E-fondaĵoj estas deponitaj en la ŝtata arkivo.

OMSK (L.Kovalenko). En la klubo aktivas 10 - 12 pers. Multaj partoprenis en BET. Funkciis kursoj, inkluzive la korespondan. En la gazetaro aperis 8 artikoloj.

POLTAVA (V.Noĉovkin). En la urbo agas kelkaj E-kluboj. La klubo ĉe la agrikultura instituto okazigas multajn prelegojn, artikolojn. La klubanoj vigle partoprenas renkontiĝojn. Oni vaste korespondas. Funkcias kursoj, inkluzive la fakultativan. La urba klubo funkcias ĉe Kulturpalaco. Ĝi organizis regionan renkontiĝon, kiun partoprenis pli ol 60 pers. La klubo ĉe teknika lernejo organizas ekspoziciojn, koncertojn kun E-programeroj.

DONECK (M.Belogolovskij). La klubo nombras 16 pers.,aktivas 8. Funkciis kursoj. Oni organizis kaj partoprenis kelkajn renkontiĝojn. Al kelkaj lokoj de Donecka regiono estas helpe senditaj E-libroj. Estas bonaj kontaktoj kun la packomitato.

RIGA (A.Medinŝ). La klubo havas 23 aktivulojn. La kunvenoj okazas laŭ antaŭplanitaj temoj. Estas organizita "Neĝfloketo". Oni regule liveras materialojn al Pola radio, elpaŝas en la urba radio. Estas organizita konkurso "Parnaso-76". Ofte okazas turismaj marŝoj. Funkciis kursoj kaj "E-Universitato" por progresantoj, poste estas planata amasa ekzameniĝo en Tartu.

TIĤVIN (M.Bronŝtejn). Ekde la aŭtuno ekfunkciis la klubo ĉe la urba Kulturdomo. Funkciis 3 E-kursoj. La kluba programo estas presita. Okazis prelegoj, ekspozicio. Desegnaĵoj de lokaj infanoj estas senditaj por ekspozicio en GDR. La klubanoj renkontiĝis kun la prezidanto de UEA. La klubo ricevis propran ejon.

ROSTOV-DON (T.Kurepina). La klubo havas 38 membrojn. Funkciis 4 kursoj por komencantoj, unu por progresantoj. Aperis 13 artikoloj. Okazis kelkaj prelegoj. La klubanoj partoprenis E-renkontiĝojn. Oni helpas organizi E-klubon en Taganrog. La klubo kunlaboras kun la regiona packomitato.

TALGAR (G.Gercikov). Oni fermis la klubon en Kulturdomo, anstataŭe estas organizitaj du aliaj. La klubanoj abunde korespondas kun eksterlando. Post grava konferenco de KIDoj en Alma-Ata estas klopodoj fondi E-rondeton tie. En la klubo mankas konstantaj aktivuloj.

TJUMENJ (V.Samojlovskaja). El 12 klubanoj aktivas 6. Oni organizis 43 prelegojn, ĉiuj estis pripagitaj. Funkciis kelkaj kursoj. Okazis vespero de politikaj kantoj. La klubo ricevis konstantan ejon. La klubanoj vigle korespondas. En la urbo okazis REVU-13.

UFA (A.Silantjeva). La klubo faris filmon pri SEJT-17. Estas organizita REVU-12. Okazis granda televida elsendo, ĝin partoprenis

11 klubanoj. Estis ĉ. 10 prelegoj. Funkciis kursoj, inkluzive la korespondan. Korespondligoj ne estas multaj. En la klubo mankas spertuloj. Kurso por progresantoj ne estis sukcesa.

USTJ-KAMENOGORSK (A.Proĥorov). Estis organizitaj kursoj (Smetanina). Okazis multaj eksterurbiĝoj. La klubo eldonas revuon "Verda Velo". Oni okupiĝas pri kantotradukado.

VILNIUS (M.Gaidamaviĉiene). El 38 klubanoj aktivas ĉ. 10. Estas ricevita nova ejo. Okazis la tradicia renkontiĝo "Muzo" kun serioza programo, ankaŭ la boatmarŝo kaj aliaj renkontiĝoj. Estas multaj leterkontaktoj kun eksterlando.

ZAPOROĴJE (D.Kolker). La klubo ricevis grandan bibliotekon herede post morto de veterano Falkov. Funkcias koresponda kurso. Aperis 9 artikoloj en la gazetaro.

R a p o r t o j   d e   l a   k l u b o j - k a n d i d a t o j

SIZRANJ (N.Dolganova). Funkciis kursoj. La klubo organizis prelegojn, artikolojn. La klubo partoprenis urban konferencon de KIDoj. Oni vizitis kelkajn renkontiĝojn.

STERLITAMAK (E.Safronova). Funkciis du kursoj. La klubo organizis du prelegojn. Estas abonitaj kelkaj E-revuoj. Oni praktikas eksterurbiĝojn.

N e a l i ĝ i n t a j   g r u p o j

PETROPAVLOVSK-KAMĈATSKIJ (A.Natinj). Estas 9 E-istoj. Oni abonis revuojn, organizis 2 kursojn. Estas bonaj rilatoj kun la lokaj instancoj. La grupo petas kandidatiĝon al SEJM.

Oni unuanime akceptas decidon pri kandidatigo de la grupo.

PERMJ (R.Celiŝĉeva). La grupo havas 10 membrojn, preskaŭ ĉiuj aktivas. Okazis fotoekspozicio, koncerto. Oni abonas E-revuojn, partoprenas renkontiĝojn. Estas korespondligoj kun eksterlando. La klubo petas akcepti ĝin kandidato al SEJM.

La Konferenco unuanime kandidatigas la klubon al SEJM.

B.Kolker: Multaj finintoj de korespondaj kursoj malaperas pro izoleco. Estas proponita interurba klubo por unuigi tiujn homojn. La klubo "Antaŭen" servas kiel bona kanalo por altiri novajn SEJM-subtenantojn. La klubo havas informilon "Lumo verda", kiu helpas daŭrigi la studadon. Necesas pli da atento flanke de SEJM.

## La dua tago - 13.8.76.

## Temo: FAKA AGADO EN SEJM

N.Cvileneva: Al ĉiu fakestro estis sendita letero kun peto sendi laborplanon de la fako, sed respondis nur kelkaj. Tre bone laboris la scienc-teknika fako, ankaŭ la metodika. Bone komencis la scienc-esplora kaj la kolektanta fakoj. Ĝenerale, la faka agado ne estas sufiĉe aktiva, ĉar la fakoj estas multaj, sed niaj fortoj - malmultaj.

BIBLIOGRAFIA SERVO - raporto forestas.

N.Cvileneva: Cvetkova respondis dumjare. La laboro estas farata, kaj sufiĉe granda. Necesas pli da helpo de aliaj urboj.

M.Gilinskij: Estas preskaŭ finita la sliparo de moskvaj kaj leningradaj bibliotekoj, sekvos aliurbaj.

G.Gercikov: Necesas aperigi la ŝifrojn, por ke oni povu amase mendi la librojn en bibliotekoj - en "A" aŭ alimaniere.

B.Kolker: Ni devas instigi la bibliotekojn, ke ili akiru ankaŭ novajn E-librojn.

La servo ricevas 25 poentojn, pro kunlaboro Riga kaj Vilnius - po 5 p.

HISTORIA FAKO - raporto forestas.

N.Cvileneva: Ĥarkovskij plendis, ke mankas kunlaborantoj. Tamen li mem pri la historio okupiĝas, prelegis dum "Neĝfloketo", kaj intencas okupiĝi plu - sed ekster la SEJM-fako.

G.Gercikov: La historio estas alloga ne por la junularo, sed por la veteranoj. Necesas transdoni la fakon al iu veterano, precipe el Ĉebaltio.

A.Gonĉarov: Necesas insiste peti memoraĵojn de la veteranoj.

A.Medinŝ: Ni tion jam faras. Post ordigo ni povos liveri la materialojn al la historia fako.

M.Bronŝtejn: Necesas ne simple kolekti, sed ankaŭ analizi la materialojn.

J.Muraŝkovskij: Kiamaniere devigi la klubojn kolekti memoraĵojn?

A.Gonĉarov: Alte poentigi tion.

B.Kolker: Jam ni ekverku rememorojn pri la historio de SEJM. La fako ne estas poentigata.

INFORMA SERVO (T.Bercis, skriba raporto). Dum la agadjaro 1975/1976 la servo pli vigle laboris, kompilante jam 7 pakaĵojn. La faktoj montras, ke la kluboj fariĝis iomete pli aktivaj kompare kun antaŭaj jaroj. Sed la aktiveco vere ne estas sur sufiĉa nivelo. Bedaŭrinde la geografio de kontribuantaj kluboj estas ne tiel vasta kiel necesus: nur 15 kluboj estas prezentataj en Informaj Pakaĵoj. Jen statistiko:

| URBO | ĴURNALOJ | ALIAJ MATERIALOJ (surgluitaj revuoj, afiŝoj, programoj ktp.) |
|---|---|---|
| Rostov-Don | 11 | 3 |
| Riga | 10 | 4 |
| Krasnojarsk | 10 | |
| Moskvo | 5 | |
| Tjumenj | 4 | |
| Meĵdureĉensk | | 2 |
| Miass | 2 | |
| Omsk | 2 | |
| Vilnius | 2 | |
| Barnaul | 1 | |
| Kujbiŝev | 1 | |
| Ivanovo | 1 | |
| Ufa | | 1 |
| Tiĥvin | | 1 |
| Velikije Luki | | 1 |

Informa Servo elspezis meze 6 kop. por unu pakaĵo. Oni dissendis al ĉiuj SEJM-kluboj kaj kandidatoj 350 pakaĵojn. La 350 kovertoj kostas 3r50k, poŝtmarkoj - 21r00k, entute 24r50k. Ĉi tiun sumon Informa Servo kovris per la mono de Riga Junulara klubo.

Pri I.S. aperis du artikoloj en "Aktuale". Kiel ĉiam, malgraŭ niaj avertoj, multaj kluboj ne sukcesas akiri bezonatan por la Informa servo kvanton - 45 ekz. Estus dezirinde, ke sekvontjare al la laboro de Informa Servo aliĝus ankaŭ aliaj SEJM-kluboj.

Informa Servo petas Komitaton de SEJM poentigi plej aktivajn kunlaborantojn: Rostov-Don per 20 poentoj, Riga - 15, Krasnojarsk - 15, Moskvo - 10, Tjumenj - 10.

Riga Junulara E-klubo pretas sekvajare prizorgi kompiladon de Informa pakaĵo.

P.Jegorovas: Oni ne sendu bagatelajn materialojn.

La laboro de la servo estas taksata laŭ Taksa Demandaro, tial la Konferenco malakceptis la peton pri poentigo pro kontribuado.

KANTA FAKO (A.Vizgirdas, skriba raporto). Dum la pasinta agadperiodo la fako daŭrigis sian laboron laŭ la plano, prezentita dum la pasintjara Konferenco de SEJM. Daŭris la kolektado de ĉiaspecaj E-kantoj. Komence de la jaro estis dissendita la alvoko al kunlaboro. Ĝin ricevis ĉiuj kluboj, "Aktuale", "Ligilo", Pola Radio, apartaj fakuloj k.a. Ĉiujn bondezirojn, proponojn, la listojn de plej popularaj kantoj, notojn, kantotekstojn ktp. la fako zorge konsideris kaj prilaboris. Necesis ja profesia trarigardo, muzika kaj tek-

sta korektado cele al preparo de la materialo por eventuala aperigo. Multe da tempo okupis la adapta transponado kaj surpaperigo de la korektitaj melodioj, elserĉado de plej trafaj akompanakordoj, komparado kun la originaloj, tajpado de la tekstoj ktp. ktp.
La fako sukcesis kolekti pliajn 56 kantojn kaj nun disponas entute pri 266 kantotekstoj, notoj kaj surbendigoj. Gravan helpon al laboro de la fako liveras la Magnetofona fako de SEJM, de kies surbendigoj ni sukcesis surpaperigi multajn originalajn melodiojn kaj ankaŭ eksterlandajn E-kantojn.
Daŭras la indeksado de E-kantoj kunlabore kun la Muzika E-Ligo (MEL).
Kiel la ĉefan celon ĉi-periode la fako havis aperigon de E-kantareto kun notoj. Tamen lastmomente bedaŭrinde evidentiĝis, ke malgraŭ la preta kompilita materialo (72 folioj kun melodioj kaj kantotekstoj), la multobligo de la kantareto fiaskas. La personoj, kun kiuj printempe estis atingita interkonsento pri multobligo, nun devas rifuzi kaj promesas helpi nin nur aŭtune. Trovi rapide novan multobligonton ni ne sukcesis, kaj la planita kantareto al la komenco de la tendaro ne aperos.
Tamen, havante la tempon, la fako decidis ĝis la aŭtuno pligrandigi la amplekson (kaj eble la eldonkvanton) de la kantaro, enkondukante novajn kaj reviziante jam pretajn kantojn, kun konsidero de ro de la alvenintaj proponoj kaj kritikoj, kaj aperigi la kantaron post 3 - 4 monatoj. Tiam ĝin povos akiri ĉiu SEJM-klubo laŭ anticipa mendo.
Inter la plej kunlaboremaj kluboj kaj apartaj fakuloj ni volonte notas kaj volas taksi la kontribuon de sekvaj fervoruloj: S.Lomp (Viljandi) - 15 poentoj, N.Dolganova (Sizranj) - 15, E-klubo "Revo" (Tjumenj) - 15, Magnetofona fako (Klaipeda) - 15, E-klubo "Juneco" (Vilnius) - 10, Moskva E-klubo - 10, G.Gercikov (Talgar) - 10, J.Muraŝkovskij (Rustavi) - 5, E-klubo "Oazo" (Barnaul) - 5, R.Grinŝpan (Taŝkent) - 5, N.Brik (Rostov-Don) - 5. La kanta fako ankaŭ esprimas dankon pro kunlaboro al gekamaradoj: V.Aroloviĉ, G.Staneŝnikova, A.Tonti (Moskvo), V.Ŝilas, P.Jegorovas (Vilnius), M.Bronŝtejn (Tiĥvin), V.Ĉernov (Kaluga).
La alvokon al kunlaboro bedaŭrinde ne reeĥis tiaj fortaj kluboj, kiel Ufa, Riga, Ivanovo, Ustj-Kamenogorsk, Poltava, Omsk k.a.
Pro la preparado de la kantareto la fako ne sukcesis plenumi ĉiujn punktojn de la laborplano, alfronti novajn iniciatojn, kion ni certe faros estonte.
Krom ĉio la Kanta fako plenumis mendojn de kelkaj petintoj pri melodioj kaj kantotekstoj (Soĉi, Kievo k.a.). Ni alvokas la klubojn al pli aktiva kunlaboro. Multaj bonaj, interesaj kantoj ankoraŭ kaŝas sin inter la popolo. Oni verkas kaj tradukadas novajn kantojn. Estu konsciaj, ke ilin ege bezonas la kanta fako, kies sola nutraĵo ili estas. Daŭre kaj konstante sendadu la kantojn al nia adreso kaj akceptu la anticipan dankon.
Klaipedanoj pretas daŭrigi la laboron ankaŭ dum la sekva jaro, se ne aperos dum la Konferenco pli energiaj dezirantoj transpreni la faratan laboron.
<u>J.Muraŝkovskij</u>: La fako laboras ne ĝustavoje. Ĝi nur arkivigas la kantojn, sed necesas eduki la kantajn gustojn de la E-istoj. Oni recenzu, kritiku la kantojn.
<u>N.Cvileneva</u>: Estas malfacile trovi objektivajn kriteriojn. Tamen necesas recenzi la kantojn, diskuti pri ili.
La fako estas poentigata je 30 p.
KOLEKTANTA FAKO (V.Banjulajtis, skriba raporto). La komenco de fakta fakagado iomete malfruiĝis, ĉar la anonco en "Aktuale" aperis tro malfrue. Malgraŭ la anonco kaj personaj skribinvitoj, al la fako ĝis nun aliĝis nur...6(?!) personoj. Kompreneble, pri iu ajn pli-

malpli fruktodona agado oni ne povas eĉ paroli. Min ege malagrable surprizis tia malaktiveco kaj eĉ ignoro flanke de apartaj SEJM-anoj kaj junularaj kluboj. Ĉu efektive tiu ĉi fako ne estas bezonata? Mi tamen ne perdis la esperon kaj poiomete agis:

1) Dank' al monhelpo de Komitato mi akiris kelkajn centojn da E-insignoj, emisiitaj en ĈSSR; 2) mi kontaktiĝis kun eksterlandaj E-kluboj de kolektantoj, nome: a) kolektanta klubo ĉe ĈEA en Ĉeĥoslovakio, b) kolektanta klubo "Amika rondo" en Sofio, Bulgario, c) E-klubo de filatelistoj en Budapeŝto, Hungario. Ili ĉiuj donis konsenton kunlabori kaj helpi al nia novbakita fako. "Amika rondo" aperigis artikoleton kaj anoncon de nia fako en sia bulteno, la E-klubo de filatelistoj baldaŭ aperigos anoncon pri ni en sia bulteno kaj ankaŭ en "Budapeŝta informilo".

Dum BET kaj SEJT mi intencas plimultigi la membraron de nia fako, disvendante diversajn rarajn E-insignojn nur por fakuloj.

A.Gonĉarov: Necesas, ke la fako ekspoziciu siajn kolektoĝn.

V.Arolovič: La fakestro ne devas ĉagreniĝi: por la komenco 6 kunlaborantoj estas tute normala cifero.

La fako estas taksata per 25 p.

KORESPONDA SERVO (S.Neilande, skriba raporto). Dum la laborperiodo de 1975/1976 estas forsenditaj al individuaj personoj enlande 335 adresoj - al 30 personoj el la urboj Tjumenj, Tiĥvin, Tula, Miass, Ĥarkov, Rostov-Don, Kaluga, Siktivkar, Lvov, Biržai, Talgar, Ĉeljabinsk, Kara-Kulj, Saldus, Melnik, Novosibirsk, Tallin, Riga. La forsenditaj adresoj estas el jenaj landoj: Kubo - 8, Danlando - 1, Mongolio - 2, Belgio - 2, Bulgario - 65, Pollando - 49, Japanio - 1, Rumanio - 14, GDR - 12, Hindio - 2, Jugoslavio - 14, FRG - 2, Hispanio - 2, Argentino - 1, Finnlando - 2, Svislando - 1, Hungario - 30, Ĉeĥoslovakio - 12, Vjetnamio - 3, Nederlando - 1, Anglio - 8, Portugalio - 4; Italio - 11, Svedio - 6, Francio - 3, Brazilio - 1, Sovetunio - 78.

Al Hungario, Pollando, GDR estas forsenditaj 30 adresoj de sovetiaj esperantistoj, al la revuo "Bulgara Esperantisto" - 25 adresoj.

En "Aktuale" aperis 2 miaj artikoloj kaj 3-foje adresaro.

A.Gonĉarov: Ne necesas publikigi la adresojn en "A", ĉar la servo devas kontaktigi individuojn kun individuoj.

P.Jegorovas: Necesas, ke la servo pli ofte publikigu sian adreson en eksterlandaj revuoj.

Oni taksas la servon je 30 p.

LERNEJA FAKO (N.Starodubcev skriba raporto). Dum la 1975/76-a lernojaro en Sovetio funkciis 53 lernejoj kun E-rondoj, kursoj aŭ klasoj. La instruado estis preskaŭ ĉie ekster la lerneja horaro, kaj ofte la instruado ne estis pagata al la instruisto. Ankaŭ mankas la ĝenerala, unueca instruprogramo. Sole en unu mezlernejo Esperanto estas devige instruata por la tuta klaso en la lerneja horaro, tiu estas la 44-a mezlernejo en Tallin. Jam dum kvar jaroj tie instruas s-no J.Palu. La direktoro kaj la pedagogia konsilantaro de la lernejo estas kontentaj pri la rezultoj de la instruado.

Aktive laboras en la E-instruado s-no B.Kolker (Ufa), kiu kompilis la konatan lernolibron, A.Rogov, V.Noĉovkin, prof. A.Koroleviĉ (Ukrainio), s-noj A.Kalninŝ, A.Silkalne, A.Buŝs en Latvio, s-no G.Gercikov en Kazaĥio kaj multaj aliaj.

En 53 lernejoj lernis sume 993 gelernantoj dum la 1975/76-a lernojaro. Laŭ la specoj de lernejoj kaj kursoj la laboro dividiĝis jene:

| L e r n e j o j | | | | | | | | | Kulturdomoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| elementaj | | mezaj | | | superaj | | profesiaj | | |
| kurso | rondo | kurso | rondo | klaso | kurso | rondo | kurso | rondo | kurso |
| 2 | 5 | 7 | 22 | 7 | 3 | 2 | 2 | 4 | 12 |

Ĉi tie sub "kurso" ni notas la regulajn, laŭplanajn E-kursojn kun plena posedo de la elementa E-gramatiko; sub "rondo" - la saman plus iomaj praktikaj laboroj (ekzercoj, legado); sub "klaso" - regulan, kiel lerneja klaso, partoprenon de plena E-kurso kun plena posedo de la E-gramatiko kaj hejmaj taskoj, klasaj kontrollaboroj ktp.

El la 993 gelernantoj lernis: en la elementaj lernejoj - 114, en la mezaj - 485, en la superaj - 113, en la profesiaj - 60, en kulturdomaj kursoj - 221 gelernantoj.

Dum la periodo multaj E-instruistoj ricevis diversan helpon: projekton de programo por E-instruado en lernejoj, du artikolojn de la hungara profesoro I.Szerdahelyi, Kronikon de E-instruado en la lernejoj de la mondo, abonojn por preskaŭ 500 ekz. de la porinfana revueto "Juna amiko" ktp.

Sed tiu ĉi grava laboro en la lerneja kampo ankoraŭ havas multajn mankojn. Unue - ne ĉiuj klubgvidantoj donas ĝustatempan informon. El 100 aŭ pli da demanditoj respondas apenaŭ 30. Tial la bildo povas esti tute ne ĝusta. Due - kiel bone proponas L.Novikova, jam venis tempo organizi almenaŭ korespondajn kursojn por la instruistoj. Trie - jam necesas pensi prì niaj landaj konferencoj por la E-instruistoj, por interŝanĝi la spertojn ktp.

A.Buttaŭ: Ni havas lernejajn rondojn en apudurbaj vilaĝoj.

G.Gercikov: Ĉe ni la laboro kun la gelernantoj pasas sukcese, ĝi estas propagata. Necesas oficiala instruprogramo.

V.Sapoĵnikov: Ni havas kurson por gelernantoj en la urba pionirpalaco. Estas abonitaj 16 ekz. da "Juna amiko".

A.Melnikov: La fako devas ne nur registri la faktojn, sed ankaŭ zorgi pri la programo.

A.Medinŝ: Ni havas oficialan instruprogramon latvalingvan. Oni postulas de la instruistoj diplomojn pri la instrurajto.

B.Kolker: Tiajn diplomojn rajtas doni la klubo. Por mendi ilin en tipografio sufiĉas prezenti peton sur la kluba blankfolio.

La fako estas poentigata je 25 p.

LUMBILDA SERVO (S.Kotljarov). La servo laboris malbone. El la anoncigintaj kunlaborantoj reeĥis nur unu. Oni ofte ne informis pri forsendo aŭ ricevo de la lumbildoj. Necesas elekti pli laboreman servoestron, prefere el iu granda urbo - por pli facile akiri la bezonatajn materialojn.

A.Medinŝ: La lumbildserioj estu en la kluboj, kaj la fakestro havu ilian liston.

A.Gonĉarov: La lumbildoj povas esti tre utilaj por la propagando de E., por plivivigi la prelegojn. Estus bone ankaŭ sendi ilin eksterlanden.

La laboro de la servo estas taksata per 10 p.

MAGNETOFONA FAKO (S.Sadauskis). La fako dum la pasinta agadperiodo laboris laŭ la plano, kiun konfirmis la pasinta SEJM-Konferenco. Daŭris surbendigado kaj elsendado de la posedata E-materialo. La fako kunlaboris kun la kanta fako, al kiu ĝi helpis kompili multajn E-kantojn. La fako faris katalogon de la surbendigoj: kantoj, rakontoj, renkontiĝoj, lernokursoj.

Malgraŭ ke la fako ne posedas la porteblan magnetofonon, daŭris surbendigado de E-renkontiĝoj. Plene estis surbendigita la E-renkontiĝo "Muzo-75", kiu okazis apud Vilniuso.

Nun la magnetofona fako posedas 25 diversspecajn bendojn, inkluzive kasetojn; en ili troviĝas ĉirkaŭ 300 titoloj. Ni deziras danki la E-klubojn de Petropavlovsk-Kamĉatskij, Tjumenj, Riga, Vilnius, Klaipeda kaj persone k-don Rogov, kaj poentigi po 8 p.

En gvidado de la magnetofona fako estis multaj malfacilaĵoj, sed nun ili estas superitaj. Iom estas domaĝe, ke la fako ne havas regulojn, kaj pro tio la laboro ne estas tute fruktodona.

Multaj kluboj volas aliĝi al la magnetofona fako por uzi la ma-

terialojn, do ili ankaŭ iamaniere helpu al la fako. Demandaj leteroj estas ricevitaj 9, responditaj estas 7.

Dum mia gvido estas aĉetitaj 3 bendoj po 5r40k kaj 2 kasetoj po 5r00k por surbendigi novajn E-aĵojn, entute estas elspezitaj 26r20k.

Pro partopreno en BET-17 mi ne sukcesis tajpi la katalogon, sed post monato ĝi aperos.

Mi kaj miaj helpantoj daŭrigos la laboron ankaŭ en la sekva laborjaro, se ne estos pli kuraĝaj kaj pli saĝaj aktivuloj por preni tiun ĉi laboron sur siajn ŝultrojn.

A.Medinŝ: La kluboj sendu purajn bendojn al la fako.

D.Mametova: Tjumena klubo ne estas kontenta pro malbona aŭdebleco de la surbendigoj.

Oni poentigas la fakon je 30 p.

METODIKA FAKO (B.Kolker). Dum la pasinta agadjaro estas efektivigitaj diversaj aktivecoj. Estas relaborita, prespretigita, multobligita kaj dissendita al SEJM-kluboj kaj eksterlanden la lernolibro. Nun ĝi iĝis ĉefa instruilo en dekoj da urboj. La lernolibron pridiskutis la interlingvistika sekcio de la Instituto pri lingvoscienco (Moskvo), kie ĝi estis aprobita kaj rekomendita por eventuala eldono. Estas lanĉita vasta kampanjo "Estroj de lingvistikaj katedroj", laŭ kiu estis senditaj 275 leteroj kaj venis 85 reeĥoj: oni mendis la lernolibron, proponis organizi E-kursojn. Estas organizita kampanjo "Ministerioj de klerigo", kiu donis dume negrandajn, sed gravajn rezultojn. Daŭre funkciis la koresponda kurso en Ufa, estis donita helpo al aliurbaj korespondaj kursoj. En "Aktuale" aperis du materialoj, i.a. programo por elementaj kursoj. Kelkaj urboj ricevis atestojn por kursfinintoj, laŭpete estis donataj konsultoj pri metodiko de instruado.

A.Melnikov: Estus bone antaŭvidi specialajn aranĝojn por la kursgvidantoj.

La laboro de la fako estas taksata per 40 p.

NATURAMIKA FAKO - raporto forestas.

A.Medinŝ: Kilk kaj lia fako organizis la tradician renkontiĝon "E. kaj naturo". Dum ĝi okazis interesaj prelegoj, faka instruado de naturdefendo. La fako kontaktas kun la naturdefendaj organizaĵoj. La laboro estas daŭrigota kaj plivastigota.

Oni taksas la agadon de la fako per 25 p.

POEZIA FAKO - raporto forestas.

A.Gonĉarov: Lukjanec ne laboras kaj pretas eksiĝi.

Oni ne poentigas la fakon.

RADIOAMATORA FAKO - raporto forestas.

A.Gonĉarov: Jaskov havis eterkontaktojn kun japanoj.

B.Kolker: Estis lia artikolo en "A".

P.Jegorovas: La fako ne estas bezonata, ni ĝin likvidu.

La fako ricevas 10 p.

SCIENC-ESPLORA FAKO (V.Ŝilas, skriba raporto). Kiam en la pasintjara Konferenco k-do Gonĉarov proponis fondi Scienc-esploran fakon kaj elekti min por gvidi ĝin - ĉiuj facile konsentis. Ankaŭ mi (kondiĉe, ke mi eklaboros ne tuj).

Ĉio estis kvazaŭ klara - necesos esplori la E-agadon science. Tamen ĉe provo formuli apartajn taskojn evidentiĝis, ke la objekton de la esploro necesas precizigi kaj limigi. Ja okupiĝi pri ĉio signifas okupiĝi pri nenio.

Do, limigi la esplorkampon laŭ tempo kaj loko de la okazintaĵoj! Limigo laŭ tempo signifas, ke ni traktos fenomenojn nur de la lastaj jaroj (pri malnovaĵoj okupiĝu ja la historia fako). Limigo laŭ loko signifas, ke ni ne traktu la eksterlandan movadon, la agadon de la izoluloj kaj de la nealiĝintaj kluboj. Nature forfalis ankaŭ la lingvistikaj esploroj (des pli, ke pri tio jam okupiĝas la interlingvistika sekcio en la Scienca Akademio), Restis do tio, kio kon-

sistigas la agadon de SEJM, ankaŭ la medio, en kiu funkcias SEJM. Tiel evidentiĝis, ke la fako okupiĝis pri sociologio de la E-agado. Tial mi opinias, ke la titolo de la fako "Scienc-esplora" estas ne tro preciza (eĉ iom pompa), kaj proponas ŝanĝon al pli modesta, sed pli konkreta - " S O C I O L O G I A " .

Ĉu estas io farita en la sociologia kampo? Jes. Vi ja memoras la grandan enketadon, plenumitan de la ufanoj en SEJT-16. Estis ricevitaj interesaj rezultoj - vere, mankis pli profundaj konkludoj kaj rekomendoj, sed la komenco estis bela. Ankaŭ nun, mi estas certa, en kelkaj kluboj oni plenumis iujn esplorojn, mi nur ne estas pri tio informita. Mi povas diri nur pri Vilnius - ĉi tie daŭras enketado de la ekstera publiko pri Esperanto. Surbaze de la ricevitaj respondoj estis precizigita la enketo por plua laboro.

Ĉu la fako mem, kiel institucio, ion faris? Preskaŭ nenion. Kompilo de la agadplano restis nur bona intenco. Tamen ja estis difinita la objekto de la esploroj, ellaboritaj metodikaj principoj de la laboro, kompilita listo de temoj por eventuala esploro.

La skemo de la laboro estas jena. Kunlaboranto prenas de la fakestro temon aŭ registras la propran, ricevas konsilojn. Post la esploro la studo estas aranĝata en minimume 2 ekzempleroj, el kiuj unu restas ĉe la aŭtoro, la dua iras al la faka arkivo. En "Aktuale" aperas resumo de la studo - dezirantoj konatiĝi pli detale kontaktas la fakon.

Kiel labori, ni jam imagas. La objekton ni scias - ĝi estas: 1) SEJM-kluboj (kiel tuto kaj laŭ apartaj aktivecoj); 2) SEJM-aktivecoj; 3) la ekstera medio. Restas do nur labori...

A.Gonĉarov: Ŝilas ne komprenis la taskojn de scienc-esplora fako kaj fakte fondis alian fakon. Tamen SEF tutegale necesas. Ĝi devas ne anstataŭi la interlingvistikan sekcion, sed helpi al ĝi.

La Konferenco decidis alinomi la fakon kaj taksi ĝian laboron per 20 p.

SCIENC-TEKNIKA FAKO (A.Gonĉarov): Estas kolektitaj 115 adresoj de sciencistoj - E-istoj en USSR. Estas lanĉita la informa bulteno de STF; en la bulteno estas aperigitaj 32 materialoj sur 18 paĝoj. Estas komencita bibliografio pri la temoj: 1) Scienc-teknikaj artikoloj en E.; 2) Scienc-teknikaj libroj en E.; 3) E-terminaroj; 4) Scienc-popularaj artikoloj en la E-preso; 5) E. kiel laborlingvo de la scienco; 6) E-lingvaj scienc-teknikaj artikoloj en la neesperantista preso; 7) E-lingvaj resumoj; 8) Prelegoj en la Internacia Somera Universitato; 9) E. en la faka korespondado; 10) Sciencistoj kaj sciencaj organizaĵoj por E.; 11) E. kiel lingvo por reklamoj; 12) Studentaj sciencaj verkoj pri E-temoj; 13) Lingvaj baroj en la scienco; 14) Scienc-teknikaj E-revuoj; 15) Problemaj artikoloj pri E. en la scienco. Estas mikrobendigitaj E-terminaroj kaj aliaj sciencaj E-lingvaj materialoj; oni plenumis petojn pri la mikrobendoj. Estas detale trarigarditaj 36 jarkolektoj de E-revuoj (inter ili 14 de "Scienca Revuo") kaj surslipigitaj ĉiuj materialoj pri E. en la scienco. Estas metitaj kunlaboraj kontaktoj kun la ĝenerala sekretario de ISAE, Scienc-Teknika fako en Bulgario, Teknikista sekcio en Ĉeĥoslovakio, sciencista E-klubo en Budapest (Hungario). Estas kolektitaj kaj senditaj al "Scienca Revuo" 4 sciencaj artikoloj. Estas komencita SEJM-biblioteko de faka literaturo en E. Estas preparita kaj venigita al SEJT-18 la ekspozicio de scienc-teknikaj libroj kaj revuoj en E. Estas legitaj por neesperantista publiko 3 prelegoj, 1 prelego en BET. La fako planas iom apartiĝi de SEJM: elekti propran estraron, fondi propran kason ktp. Estas planata scienc-teknika E-konferenco, eble en kadroj de BET.

La fakon oni poentigas je 40 p.

TRADUKA FAKO (V.Samodaj). La fako devas havi du flankojn: la instruan kaj la koordinan. Ĉi-jare ambaŭ flankoj lamis. Estas farita

listo de rekomendataj libroj pri la tradukarto. Estis informo pri la rezultoj de la pasintjara tradukista konkurso kaj rakonto por la nova konkurso sur la paĝoj de "A". Estis organizita tradukado de la materialoj de la XXV-a partia kongreso por SSOD, sed fari tion per la Traduka fako estas maloportune. Pro troa okupateco mi ne povis inde gvidi la fakon kaj dezirus ne esti elektita ĉi-jare.

B.Kolker: Necesas verki gvidlibron pri la tradukarto.

La fakon oni poentigas per 10 p.

A.Gonĉarov: Ni devas fondi novajn fakojn nur kondiĉe ke estas iniciatema fakestro. Se tia homo ne troviĝas, prefere rezigni pri la fako.

N.Cvileneva: Necesas malgrandigi la kvanton de la fakoj. Prefere ni havu malmultajn fakojn, sed laborkapablajn.

P.Jegorovas: Kunlaborantojn por la fakoj trovu la fakestroj mem.

Sekvas malfruintaj klubaj raportoj.

ĤMELNICKIJ (V.Korsun). El 20 klubanoj aktivas 10. La kunvenoj okazas regule. Estis organizita E-kurso. Okazis 2 ekspozicioj, radioelsendoj. Ĉiu klubano aktive korespondas kun eksterlando.

LENINGRADO (M.Gilinskij). La junulara sekcio havas 44 anojn. Okazis 2 kursoj. Oni organizis majan renkontiĝon por komencantoj kaj intencas tradiciigi ĝin. La klubanoj havas multajn korespondligojn.

Temo: FINANCA STATO DE SEJM

A.Melnikov: La buĝeto de SEJM konsistas el tri partoj: 1) profitoj de tendaroj kaj renkon/tiĝoj; 2) kotizoj de la kluboj kaj subtenantoj; 3) diversaj eventualaj enspezoj. La plej malorda parto estas la klubaj kotizoj. La kluboj pagas neregule kaj diverstempe. Mi proponas, ke oni pagu unufoje jare, samtempe kun la unua raporto. Krome mi proponas, ke oni pagu ne de aktivuloj, sed de membroj. Tiam en la raportoj estos efektiva, sed ne surpapera kvanto de la membroj. Estis entreprenitaj paŝoj por havi parton de la kaso eksterlande, dume tio eblas nur en Ĉeĥoslovakio. Nun SEJM havas ĉ. 2000 rub. Estas propono antaŭvidi en la buĝeto oficvojaĝojn por la komitatanoj.

A.Gonĉarov: Mi proponas ne ŝanĝi la sistemon de kotizado.

P.Jegorovas: Por SEJM oni ne kolektu la monon speciale, sed elpreni necesan sumon el la kluba kaso.

B.Kolker: Membreco en la klubo estas ĉies propra afero, kaj ni ne povas devigi la homojn pagi.

Per voĉdonado oni decidis restigi kotizadon de la aktivuloj.

Pri la unueca dato estas decido pagi samtempe kun la 1-a raporto.

Oni aprobas la proponon pripagi la vojon por la komitatkunsidoj.

Temo: INTERNA INFORMADO EN SEJM

V.Ebel: Dum la agadjaro aperis 9 numeroj de "Aktuale". Aldone estis 5 folietoj de la scienc-teknika fako kaj unu folieto ruslingva "Laŭ meridianoj de Esperanto". Kontribuis al "A" entute 33 urboj. Ĉi-jare la afero rimarkeble lamis. Fakte 2 numeroj ne aperis. Estis planite fari sliparon kaj enketadon pri "A", sed tio ne efektiviĝis. La ĉefaj kaŭzoj: mankis tajpilo; mi tro longe oficvojaĝis; materialoj abundas, sed mankis helpantoj; multaj artikoloj postulas amplekan redaktadon. Ĝenerale mi jam indiferentiĝis kaj ne povas daŭrigi la laboron.

G.Gercikov: Estu du alternaj redakcioj, ĉiu el ili eldonu numeron unu fojon dum du monatoj.

P.Jegorovas: Tio ne eblas, ĉar estos malordo en la eldonaĵo.
M.Gilinskij: Necesas restarigi ekspresan informilon (KKK).

La tria tago - 14.8.76.

La konferenco voĉdone decidas restarigi la ekspresan informilon.

Temo: RENKONTIĜOJ KAJ TENDAROJ

M.Bronŝtejn: Dum la jaro okazis pluraj renkontiĝoj - kaj regionaj, kaj fakaj. Sed pri ili ven/is malmulte da raportoj. La ĉefa manko de la renkontiĝoj estis neprepariteco, ŝablonaj programoj. Estus bone, se pri la dumjaraj renkontiĝoj respondecu alia homo, ol pri SEJT.

J.Muraŝkovskij: Necesas du specoj de renkontiĝoj: por progresantoj kaj por spertuloj.

D.Kolker: Al regionaj renkontiĝoj necesas nepre allogi komencantojn.

A.Gonĉarov: La unuaj renkontiĝoj estis in/teresaj por la aktivuloj, sed nun la malnova programo jam ne allogas ilin. Per komencantoj la programo povas esti la sama, ĉar venas ĉiam novaj homoj. Sed por aktivuloj la programo estu ŝanĝita, ekzemple enhavu seriozan studadon.

P.Jegorovas: Necesas pli atenti specialigitajn renkontiĝojn, ekz. "Muzo".

M.Bronŝtejn: Pri tiuj renkontiĝoj devas zorgi la SEJM-fakoj.

V. Arolovič: Unu faka renkontiĝo dumjare - en SEJT - jam ne sufiĉas. Do la fakoj nepre antaŭplanu renkontiĝojn por la jaro.

A.Kogan: La fakaj renkontiĝoj estu ligitaj kun similaj aranĝoj eksterlande.

M.Bronŝtejn: Konklude eblas diri, ke la renkontiĝoj estu apartaj por komencantoj kaj por aktivuloj. Inter la lastaj aparte gravas la fakaj renkontiĝoj. Ĉiujn renkontiĝojn necesas antaŭplani por la jaro.

La klubo de Tiĥvin esploris eblecojn kaj trovis taŭgan lokon, do estis planate lokigi SEJTon en pionira tendaro. Sed poste evidentiĝis, ke la pionira tendaro ne povas nin akcepti. Dum niaj tendaroj ne estas plene oficialaj, necesas ke la kluboj-organizantoj evitu reklami ankoraŭ ne okazintajn aranĝojn, ĉar tio povas malutili. Kiam estis planate baziĝi en la pionirtendaro, tie eblis akcepti nur limigitan kvanton da tendaran/oj. Tio kaŭzis plendojn flanke de la kluboj, kaj ni devis antaŭvidi ankaŭ eblecojn por "sovaĝa" partopreno. Dum la aliĝado lamis la disciplino: oni aliĝis neĝustatempe, la aliĝiloj estas plenigitaj neakurate. Necesas postuli, ke la kluboj plenumu la tendarajn kondiĉojn. Necesas fiksi stabilan aliĝkotizon.

Ĉi-jare ni ricevis 650 lokmendojn por 250 planitaj lokoj. Tio montras grandan kreskon de la movado, kaj necesas radika ŝanĝo en la tendar-organizo. Ni proponas, ke anstataŭ SEJT estu: ĉiujare regionaj tendaroj (REJT); unufoje en 3 - 4 jaroj amasa SEJM-Festivalo; ĉiujare SEJM-Konferenco kun limigita kvanto de partoprenantoj.

A.Gonĉarov: Estu ankaŭ fakaj tendaroj, kiel ekz. "E, kaj naturo". Oni ne forgesu pri la konstrutaĉmentoj.

M.Bronŝtejn: Sekvajare estu du REJToj kaj Konferenco.

P.Jegorovas: Eble post 3 jaroj Vilnius povus organizi Festivalon por 1000 personoj.

V.Sapoĵnikov: Ni ne limigu partoprenon en Konferenco, ĉar per edukado aktivulojn REJT ne sufiĉos.

M.Bronŝtejn: La nivelo de REJT taŭgos por tio. La konferenca-

nejn ni povus limigi laŭ kategorioj de kluboj depende de la rezultoj de la socialisma konkurado.

A.Natinj: Mi proponas limigon depende de la membraro.

La Konferenco decidis: organizi REJTojn anstataŭ SEJT, partoprenon en la Konferencoj limigi; kriterio de la limigo estu la socialisma konkurado.

M.Bronŝtejn proponis ŝanĝojn en la tendara programo.

Oni aprobis la programon kun la proponitaj ŝanĝoj.

Estas elektita la Tendara Estraro: M.Bronŝtejn (prezidanto), V. Arolovič, V.Gakalenko, A.Kogan, V.Nočovkin, L.Novikova, V.Sapoĵnikov, N.Ŝĉerbakova.

Estas tralegita la listo de tendaraj laboroj kun konfirmo de la respondeculoj.

Temo: EKSTERLANDAJ RILATOJ DE SEJM

D.Cibulevskij: La korespon/dado estis ne tiom vigla, kiel antaŭe. La reto de SEJM-delegitoj estas fondita en 10 urboj. La listo de la delegitoj estas sendita al "TEJO-Novaĵoj", sciigo pri ĝi aperis en la revuo "Esperanto". En "A" estas aperigita anonco pri Internacia arkeologia brigado en Bulgario, ĉar BEJ invitis partopreni 10 niajn reprezentantojn. La adresojn de la anonciĝintoj mi sendis al Bulgario. La invitoj venis nome de BEJ, tiel plejparto de la dezirantoj malsukcesis. Okazis 25-persona vojaĝo al la 39-a Kongreso de Bulgara E-Asocio, kiun organizis SSOD. La grupo estis sufiĉe bona laŭ la lingva nivelo. Dum la vojaĝo ni konstatis, ke en Bulgario kaj aliaj landoj la junulara movado estas ne tiel disvastigita, kiel ĉe ni. La renkontiĝoj kun reprezentantoj de BEJ estis nesufiĉaj, estonte dum similaj vojaĝoj necesos tiajn renkontiĝojn plani kaj prepari. La Kongreso mem estis ne tro interesa. Estis gastoj el 10 landoj. La lingva nivelo de la Kongreso estis malalta. Oni vigle interesiĝis pri SEJM. Ĝenerale pri SEJM aperis sciigoj en kelkaj revuoj, ni korespondas kun TEJO, raportas pri nia agado.

B.Kolker: En UEA lastatempe ŝanĝiĝis la gvidantaro. El 8 estraranoj 2 estas el socialismaj landoj. La adeptoj de Lapenna akuzas UEA pri prokomunismaj tendencoj. Ili nomas sin "Neŭtrala E-movado", eldonas propran revuon kaj eĉ uzas neesperantistan gazetaron por atakoj kontraŭ UEA. Ni devas iamaniere helpi al UEA, kvankam grandaj agadkampo ne estas. Necesas zorgi pri la delegita reto, pri la membraro, kvankam estas kotizaj malfacilaĵoj.

V.Samodaj: Lapenna elpaŝis kontraŭ BEA pro la "prokomunisma" statuto, kvankam dum sia prezidanteco li tiun statuton toleris. Por malakrigi la situacion, BEA ŝanĝis sian statuton. Pli malfacile estas pri GDR, ĉar ili sian statuton ŝanĝi ne povas. Tamen estas favoraj kondiĉoj por membriĝo de GDR kaj Slovakio. Por Sovetunio prefere estas nun ne membriĝi, sed kunlabori kun UEA.

A.Kogan: Post la renkontiĝo kun Tonkin en Leningrado estas starigita kontakto kun la Terminologia Centro de ISAE. Kunlabore kun ĝi ni faris mikrobendojn de Bildvortaro kaj uzas ilin por E-igo de germana-rusa vortaro. 3 kunlab/orantoj el 14 jam faris sian parton.

Temo: OFICIALAJ INSTANCOJ

V.Arolovič: La ĉi-jara kampanjo "Instancoj" ne donis interesajn rezultojn, nur kelkaj kluboj prezentis la ricevitajn respondojn. Afereme traktas leterojn la bibliotekoj. Interesa respondo venis el "Molodoj kommunist". Ĉiuj aliaj instancoj respondas pli-malpli formale. La kontaktoj kun SSOD estis ĉefe pri du aferoj: traduko de materialoj de la XXV-a Kongreso de la partio, pri kio petis mem SSOD, kaj pri la vojaĝo al Bulgario, kiun aranĝis SSOD. Videblas,

ke SSOD ne deziras kunlabori kun SEJM.

B.Kolker: Printempe mi estis akceptita de vicprezidanto de SSOD Pesljak. Li ĝenerale estas bone informita, sed iujn faktojn mistraktas. Mi multe rakontis al li pri SEJM, pri la tendaroj. Ŝajnas, ke dum la konversacio lia rilato al E. iĝis pli favora.

V.Samodaj: Pri malbona rilato al ni kulpas ankaŭ mem esperantistoj, kiuj estas nesufiĉe sagacaj, kontaktante kun SSOD.

.........................

La kvara tago - 15.8.76.

Temo: SEKRETARIAJ AFEROJ

La Konferenco pridiskutis projekton de la nova SEJM-Regularo, prezentitan de P.Jegorovas. Post pluraj korektoj kaj precizigoj oni akceptis ĝin.

P.Jegorovas: La kvanto de SEJM-subtenantoj konstante kreskas. Dum la lasta agadjaro SEJM havis 65 subtenantojn, por la sekva jaro jam registriĝis 10. Plejmulto de la subtenantoj estas individuoj. Al ĉiuj subtenantoj estis sendita instrukcia letero. La subtenantoj ricevas "A", kelkaj el ili kunlaboras kun la fakoj. La kotizon estas propono lasi la sama.

Dum la jaro okazis elekto de Honoraj aktivuloj de SEJM. La kluboj prezentis proponojn, kaj estis registritaj 15 kandidatoj. Al ili estis senditaj enketoj. En la voĉdonado partoprenis 47 personoj el 67 voĉdonrajtaj. La listo de Honoraj aktivuloj aperis en "A".

Laŭ la socialisma konkurado ne raportis 5 kluboj por la 1-a periodo kaj 11 por la 2-a. La rezultoj estas jenaj:

1.POLTAVA - 3488

2.Riga - 3463 · 3.Ufa - 2470

4.Klaipeda - 2174
5.Vilnius -1563
6.Krasnojarsk - 1371
7. Barnaul - 1181
8.Leningrad -1063
9. Rostov-Don - 927
10.Ustj-Kamenogorsk - 867
11.Ĥarkov - 823
12.Tiĥvin - 776
13.Tjumenj - 772
14.Doneck - 730
15.Moskvo - 724
16.Miass - 704
17.Ivanovo - 640
18.Ĥmelnickij - 592
19.Meĵdureĉensk -512
20.Novosibirsk - 458
21.Sizranj - 447
(venkinto inter kandidatoj)
22.Talgar - 427
23.Kievo - 390
24. Kujbiŝev - 379
25. Salavat - 367
26. Viljandi - 367
(malpli alta loko pro nesendo de 2-a r.)
27.Kaunas - 305
28.Omsk - 285
29. Zaporoĵje - 240
30. Liepaja - 228
31.Sterlitamak - 227
32.Ĉeljabinsk - 206
33.Soĉi - 157
34.Novomoskovsk -151
35.Maĥaĉkala - 138
36.Kapsukas - 131
37.Birsk - 75
38.Kedainiai - 59
39.Velikije Luki - 40
40.Tallin - 25
41.Taŝkent - 5
42.-43.Siktivkar - 0
Tula - 0

Al la venkinto de la socialisma konkurado - la klubo de Poltava - estas enmanigata la nova transira SEJM-pokalo kaj la libro "Esperanto en perspektivo". La gajnintoj de la 2-a kaj 3-a lokoj - la kluboj de Riga kaj Ufa - ricevas librodonacojn. Per librodonaco estas premiata ankaŭ la klubo de Sizranj - la plej aktiva inter la kluboj-kandidatoj.

P.Jegorovas: La nuna Taksa Demandaro estas tro burokratia, kaj labori laŭ ĝi estas malfacile. Necesas fari ĝin pli simpla, pli klara. Poentigi oni devas nur la plej gravajn aktivecojn, sed por sta-

tistike oni povas aldoni ankaŭ nepoentigendajn aktivecojn.

KONKLUDO PRI LABORO DE LA SEJM-KOMITATO

V.Arolovič: Ĝenerala aktiveco de la komitatanoj kreskis. Krom regula interŝanĝo de cirkuleraj leteroj, la Komitato okazigis du ĉeestajn kunsidojn. Ni laboris laŭ la plano, ellaborita surbaze de la Decidoj.

Estas legata la laborplano kun analizo de apartaj punktoj.

V.Arolovič: Plejmulto da punktoj de la laborplano estas plenumita. Sed multajn erojn ni realigis pli malfrue, ol estis planite.

M.Gilinskij: En "A" malmulte temis pri laboro de la Komitato.

A.Gončarov: La Komitato laboris tre aktive, sed devus esti pli proksimaj ligoj kun la lokaj kluboj.

La Konferenco decidis taksi la laboron de la Komitato "kontentige".

La kvina tago - 16.8.76.

Temo: SEJM HIERAŬ, HODIAŬ, MORGAŬ

Ĝ e n e r a l a   t r a r i g a r d o

V.Arolovič: Antaŭ 10 jaroj en nia lando ekzistis pluraj junularaj E-kluboj, sed ili lab/oris dise, koordina centro forestis. Tiam troviĝis kelkaj elstaraj aktivuloj, kiuj komprenis la neceson kolekti la fortojn kaj unuiĝi. La laboro komenciĝis per kompilo de la adresaro de junaj aktivuloj. Oni lanĉis la bultenon "Juna Esperantisto". Baldaŭ la Adresaro ricevis la nomon SEJM. Komence ĝi estis kolektivo de individuoj, kaj poste aperis koncepto, ke nia movado estu kolektivo de kolektivoj. SEJM liberiĝis de pluraj grupoj, kiuj apartenis al ĝi nur surpapere kaj nenion faris por SEJM. Tamen restis pluraj individuoj, kiuj ne povis fondi grupojn, sed volis esti utilaj al SEJM. Por altiri ilin, estis proponita la sistemo de subtenantoj, kiu sukcese funkcias jam 3 jarojn. Nun ni devas pripensi, kiujn novajn momentojn alprenu la SEJM-organizo estonte.

A.Gončarov: Granda parto de nia laboro pasas en la tendaroj. Ĉar sekvajare estos du tendaroj, eble tio postulos iujn ŝanĝojn en la strukturo. Necesas pli atenti la propagandan laboron.

V.Sapoĵnikov: SEJM ege bezonas propagandan fakon.

B.Kolker: SEJM devas pli kreski eksteren, engaĝi novajn urbojn kaj regionojn. Niaj artikoloj estu ne simple informaj, sed altiraj. Necesas plifortigi la korespondajn kursojn, aperigi artikolojn diversloke.

V.Sapoĵnikov: Necesas publikigi la adresojn de la korespondaj kursoj en la Jarlibro.

G.Gercikov: Prefere estu ne propagan/da fako, sed tiu de ekstera informado.

M.Bronŝtejn: Ni devas ne nur propagandi eksteren, sed ankaŭ eduki interne. Do prefere estu ideologia fako.

A.Gončarov: En la artikoloj nepre estu indikitaj eblecoj studi la lingvon. Sen tio eĉ ne necesas publikigi. La plej bona propagandrimedo estas prelegoj.

B.Kolker: Necesas analizi la artikolojn, recenzi la plej bonajn.

A.Melnikov: Ankaŭ la malbonajn.

M.Bronŝtejn: Estu premio por la plej bona artikolo. Ege necesas havi aŭtoritatan kolekton de faktoj por rekonvinki la influivajn sed misinformitajn instanculojn.

A.Gončarov: Disvastigante la movadon eksteren, necesas konsideri la lokajn kondiĉojn.

G.Gercikov: Necesas, ke ĉiuj kunlaborantoj de la propaganda fako ricevu la plej novajn librojn, la plej freŝajn artikolojn.

V.Sapoĵnikov: La kluboj bezonas propagandan kolekton kaj propagandajn kajerojn nacilingve.Nia klubo jam havas preleg-propagandan fonduson.

D.Kolker: Estas bezonataj diversaj prelegoj por diversaj aŭditorioj.

E.Loskutova: En pluraj urboj studas eksterlandanoj. Indas organizi specialajn kursojn por ili, dank' al kio informiĝas la oficialuloj. Ĉe ni tio estas unu el formoj de laboro.

## Pozicio de SEJM en la ĝenerala landa movado

V.Arološiĉ: Komence de sia ekzisto SEJM renkontis malkomprenon kaj eĉ kontraŭatakojn flanke de pluraj aŭtoritataj veteranoj. Sed ni ne timis tion kaj persiste laboris. Kaj kiam la laboro de SEJM iĝis videbla, la veteranoj ĝin agnoskis. En la aĝa generacio mankas movada organizo simila al SEJM, kaj ni fakte estas la sola organizita movado en la lando. Komprenante tion, la veteranoj komencas kunlabori kun SEJM, multaj el ili estas subtenantoj. Iam estis proponoj transformi SEJM al SEM, por pli altiri la veteranojn. Sed eĉ estante SEJM, ni tutegale plenumas multajn funkciojn de ĝenerala landa movado, kaj tio prezentas vastan agadkampon al la veteranoj.

M.Bronŝtejn: La fondintoj de SEJM intertempe pliaĝiĝis. Kvankam ili povus apartiĝi kaj fondi SEMon, ili preferas daŭre labori en la kadroj de SEJM kaj transdoni la sperton al pli juna generacio. Kaj al SEJM ne malhelpas, sed helpas.

A.Gonĉarov: La gvidantaro de SEJM ĉiam restas sufiĉe juna, sed en la fakoj povas labori ĉiuj aĝoj. Dank' al tio ni povas relaborigi iamajn aktivulojn, kiuj indiferentiĝis pri la kluba agado.

B.Kolker: Ni kunlaboru kun ĉiuj aĝoj. Sed transformiĝi al SEM estus danĝere, ĉar estas homoj kun malnovaj konceptoj kaj grandaj ambicioj, kaj ili certe postulus sian lokon en la gvidantaro de SEM, se ĝi ekestus. Tio povus ege malutili al la movado.

G.Gercikov: Estas bone, ke la gvidantaro de SEJM ĉiam restas ĉiam juna. Ni restu SEJM ĝis la oficialiĝo.

## Rilatoj de SEJM kun eksterlando

V.Arološiĉ: SEJM ĉiam strebis havi firmajn kontaktojn kun eksterlandaj E-junularaj organizaĵoj. Niaj aktivuloj kelkfoje partoprenis kongresojn de TEJO kaj STELO, eniris iliajn gvidorganojn. En SEJM estis reto de "kluboj-ambasadoroj", respondecaj pri kontaktoj kun apartaj landoj. Eble indus restarigi ĝin. Nun ni havas en kelkaj urboj SEJM-delegitojn, pliboniĝas la rilatoj kun UEA.

A.Gonĉarov: Ni strebu laŭeble inviti reprezentantojn de alilanda junulara movado al niaj aranĝoj.

A.Medinŝ: Necesas pli aktive informadi la eksterlandan gazetaron pri la vivo de SEJM, pri niaj tendaroj kaj renkontiĝoj.

G.Lenskaja: Ni jam devas komenci prepariĝi al Tutmonda Junulara Festivalo, okazonta post du jaroj en Havano. Ekzemple, eblus eldoni gravajn politikaĵojn, aŭ kantaron de sovetaj kantoj, aŭ eĉ filmon. Necesas demandi la preparkomitaton en Havano, ĉu ili planas E-istajn renkontiĝon en kadroj de la Festivalo.

A.Gonĉarov: Eble ni provu fari internacian konstrutaĉmenton ĉe BAM.

V.Samodaj: Necesas niajn planojn prezenti al KMO. Ni povus organizi, ke tien venu invito al kongreso, okazonta en Slovakio sek-

vajare, dediĉe al la 60-jariĝo de Oktobra revolucio.

## Kontaktoj de SEJM kun oficialaj organizaĵoj

V.Aroloviĉ: Ĉar SEJM ne estas dume oficiala, estis entreprenitaj kelkaj provoj kontakti skribe kaj vizite kun CK de Komsomolo kaj KMO, petante ilin aŭspicii la junularan E-movadon. La respondoj estis plejparte formalaj. Post 1972, kiam fiaskis turista grupo per "Sputnik" al Pollando, la kontaktoj kun KMO malfortiĝis. La Festivalo en Havano prezentas novan eblon revigligi ilin. La rilatoj kun SSOD nun malprogresas, ĉar ĝi ne volas agnoski SEJMon.

V.Samodaj: La unua kontakto kun CK de Komsomolo estis en 1966. Ni venis tien kvarope kaj petis konsilojn antaŭ la TEJO-Kongreso. Poste estis nia letero kun proponoj. En 1968 min oni sendis al Sofia Festivalo, okaze de tio estis prezentita nova raporto. Indus sendadi similajn raportojn ankaŭ nun kaj memorigi pri nia ekzisto.

T.Loskutova: Mi interparolis kun funkciulo de KMO, li diris nenion pozitivan pri Esperanto.

A.Gonĉarov: Estonte ni petu aŭspicion ne de la komsomolaj, sed de la partiaj instancoj.

B.Kolker: La leteron, men/ciitan de Samodaj, oni longe ne respondis, kaj mi, estante en Moskvo, faris viziton al CK de Komsomolo. Dum la konversacio estis donita promeso esplori la demandon. Poste mi atendis ankoraŭ monaton kaj skribis denove. Venis malgranda respondo, kiu agnoskis la E-movadon de fakto.

G.Gercikov: Necesas sendi al CK gratulleterojn okaze de diversaj eventoj kaj datrevenoj.

V.Samodaj: Ni jam provis tion, sed oni ne akceptas tion serioze.

## Faka laboro en SEJM

V.Aroloviĉ: La fakoj funkcias en SEJM ekde la komenco. La ekzisto de tiu aŭ alia fako dependas de tio, ĉu troviĝas homo, kapabla gvidi ĝin. Ni ĉiam strebis pligrandigi la kvanton, kaj nun en SEJM jam estas 16 fakoj. Estus bone pripensi, ĉu fakte ni bezonas ilin ĉiujn, aŭ prefere iujn fakojn likvidi kaj havi pli malmultajn, sed grandajn kaj laboremajn fakojn.

M.Bronŝtejn: Mi proponas reorgan/izi la fakan sistemon, kaj ke proksimdirektaj fakoj unuiĝu, ekz. kanta fako, poezia, lumbilda ktp. formu gran/dan belartan fakon. Entute estu 4 - 5 tiaj grandaj fakoj. Estos jam fortaj kaj laborkapablaj laborgrupoj, kaj tio plivigligos la agadon. Ekz., la radioamatoran fakon eblas plene fordoni al la scienc-teknika.

G.Gercikov: Apartaj fakoj pli efikas.

S.Sadauskis: Kanta kaj magnetofona fako devas esti kune.

M.Bronŝtejn: Mi proponas jenajn pligrandigitajn fakojn: 1) belarta ( tien eniras la nunaj poezia, kanta, traduka, magnetofona fakoj); 2) scienc-esplora (historia, bibliografia, sociologia, interlingvistika); 3) propaganda (paedefenda, informa, lumbilda, kolektanta); 4) scienc-teknika (terminara, radioamatora, naturamika);5) pedagogia (metodika, lerneja, korespondа).

B.Kolker: Sed verŝajne la estroj de tiom ampleksaj fakoj ne sukcesos bone gvidi la multflankan agadon. Do necesos eĉ pli multe da gvidantoj.

V.Ebel: Ni ne bezonas multajn fakojn, kiuj nenion faras. Restu 5 - 6 fortaj fakoj, kiuj povas bone labori.

A.Harkovskij: La fakestroj devas trovi la helpantojn por si.

A.Gonĉarov: Antaŭ ĉio - el la urboj, kie loĝas la fakestroj.

P.Jegorovas: Necesas ankaŭ allogi la subtenantojn.
V.Samodaj: Pri la artaj fakoj - se ne labori, prefere ilin likvidi; se labori kiel decas - ili laboru aparte.
A.Ĥarkovskij: Ni bezonas pli da junaj fortejn, ekz. por la historia fako.
Per voĉdonado la propono de Bronŝtejn ne estas akceptata. Oni decidas unuiĝojn kaj likvidojn de apartaj fakoj fari laŭbezone.

T e n d a r o j  k a j  r e g i o n a  a g a d o

V.Aroloviĉ: Ĉi-kampe konkludojn por estonto ni jam faris. Sekvajare anstataŭ SEJT okazos du REJToj kaj aparte Konferenco. Post 2 - 3 jaroj, se estos fortoj, ni organizu SEJM-Festivalon. Dum pridiskuto de la Regularo ni likvidis la ne funkciantajn Kaŭkazian kaj Mezazian regionojn, do nun SEJM havas 5 regionojn: Ĉebaltan, Centro-Rusian, Sudan, Volgo-Uralan, Azian. Estonte tamen laŭbezone ni povos krei novajn regionojn.

S o c i a l i s m a  k o n k u r a d o

V.Aroloviĉ: Jam en la fruaj jaroj de SEJM sentiĝis bezono kompari aktivecojn de diversaj kluboj. Unuafoje la plej bona klubo estis distingita voĉdone dum la 3-a Seminario (Konferenco) en 1969. Poste estis ellaborita Taksa Demandaro, kiu permesis vicigi la klubojn laŭ aktiveco. La sistemo intertempe evoluis, tamen nun ni konstatas "ĉasadon de poentoj" fare de iuj kluboj. Necesas perfektigi la sistemon, tiel ke la konkurado estu ne memcelo, sed rimedo por stimuli la laboron.
A.Gonĉarov: La "poentoĉasado" estas tute normala kaj utila afero. Se la klubo ne ĉasas poentojn, do ĝi ne laboras.

I n t e r n a  i n f o r m a d o  e n  S E J M

V.Aroloviĉ: La unua informilo de SEJM estis "Juna Esperantisto". Ekde 1969 estis eldonata la kolekto "Akordo", por kiu ĉiu klubo devis mem prizorgi la multobligon de la materialoj. Ĝin estris ne redakcio, sed fakte kompilejo, kaj tien penetris multe da bagateloj. Post "Akordo" aperis "Aktuale" kaj la urĝa informilo "KKK", kiu estis likvidita antaŭ du jaroj. Laŭ decido de nia Konferenco ni restarigos la ekspresan informilon.

Temo: REELEKTO DE LA KOMITATO KAJ FAKESTROJ

La ĝisnuna Komitato proponas lasi la postenojn de komitatanoj en la sama konsisto.
V.Sapoĵnikov: Mi proponas aldone elekti vicprezidanton pri propagando, ĉar ĝi estas tre respondeca afero.
V.Aroloviĉ: Ĝuste pro la graveco prefere gvidi tiun laboron sur nivelo de fakestro, sed ne vicprezidanto. Dum lastaj tri jaroj mi ne okupiĝis pri koordino de la propaganda agado, kaj akumuliĝis abunda laboro. Fakestro faros ĝin pli sukcese, ĉar al ĝi ne malhelpos aldonaj ŝarĝoj, kiujn havas ĉiuj komitatanoj.
La Konferenco akceptis kompromisan decidon - estu propaganda fako, kies estro subiĝu rekte al la prezidanto de SEJM.
Oni elektis la Komitaton de SEJM en jena konsisto: prezidanto - M.Bronŝtejn (Tiĥvin), unua vicprezidanto - A.Melnikov (Rostov-Don), vicprezidanto pri sekretariaj aferoj - P.Jegorovas (Vilnius), vicprezidanto pri financaj aferoj - D.Cibulevskij (Ĥarkov), vicprezidanto pri fakaj aferoj - V.Sapoĵnikov (Krasnojarsk), vicprezidanto pri renkontiĝoj - M.Gilinskij (Leningrad), vicprezidanto pri inter-

na informado- V.Arloviĉ (Moskvo).

Kiel estroj de la fakoj kaj servoj estas elektitaj: bibliografia servo - V.Cvetkova (Leningrad); historia fako - A.Ĥarkovskij (Moskvo); informa servo - estas transformata al propaganda fako, estro - A.Medina (Riga); kanta fako - A.Vizgirdas (Klaipeda); kolektanta fako - V.Banjulajtis (Klaipeda); korespondа servo - S.Neilande (Riga); lerneja fako - N.Starodubcev (Doneck); lumbilda servo - estas likvidita; magnetofona fako - S.Sadauskis (Klaipeda); metodika fako - S.Smetanina (Ustj-Kamenogorsk); naturamika fako - A.Kilk (Tallin); poezia fako - L.Novikova (Miass); radioamatora - estas likvidata kiel fako (la funkciojn transprenos la scienc-teknika fako); sociologia fako - V.Ŝilas (Vilnius); scienc-teknika fako - A.Gonĉarov (Barnaul); traduka fako - V.Ebel (Barnaul).

Kiel revizoro de SEJM estas elektita A.Vizgirdas (Klaipeda).

Oni interkonsentis akcepton de la Decidoj transmeti al la postkonferenca kunveno en SEJT-18.

V.Arloviĉ fermis la antaŭtendarajn kunsidojn de la Konferenco.

## Postkonferenca kunveno en SEJT-18 - 22.8.76.

### Temo: RAPORTOJ DE NOVVENINTAJ GRUPOJ

TAGANROG (G.Mitrofanov). La grupo konsistas el 17 anoj. Ili laboras sub gvido de Rostova klubo. Estas publikigitaj 5 artikoloj en urba ĵurnalo. Estas konstanta kunvenejo.

ANGARSK (I.Kuŝĉin). La klubo estas organizita ĉi-printempe. Ĝi kunigas 18 membrojn. Estas artikoloj en urba kaj regiona ĵurnaloj, oni prelegis por mezlernejanoj. Okazis elsendo laŭ regiona televido.

B.Kolker: Ili agas kiel filio de Ufa klubo. La ufanoj proponas kandidatigi la klubon de Angarsk al SEJM.

La Konferenco decidas kandidatigi la klubon de Angarsk.

### Temo: REZULTOJ DE LA PAROLIGA PERIODO

A.Rogov: En mia grupo bone preparitaj estis komencantoj el Moskvo kaj Barnaul. Tamen estis ankaŭ homoj, kiuj tute ne volis ekparoli la lingvon.

L.Novikova: La sistemo de apartaj PP-grupoj havas kaj pozitivajn, kaj negativajn flankojn. La pozitivaj - neniu malhelpis; la homoj bone interamikiĝis. La negativaj - oni tro kuraĝe krokodilis; multan tempon la grupo perdis por pure turismaj-teknikaj aferoj.

S.Smetanina: En mia grupo estis homoj tute hazardaj, kiuj eĉ nenion aŭdis pri Esperanto. Ĝenerale la lingva nivelo estis tro diversa: iuj povas jam flue paroli. La organiza flanko pasis bone.

G.Cejtin: Mi estas por tiu ĉi metodo. La reala vivo tre utilas por praktikado de la lingvo. En la grupo estis homoj, kiuj ne komprenis eĉ la plej simplajn vortojn. Necesas klasifiki la PP-anojn, ekz. per malgranda kolokvo antaŭ la PP. Krome, al ni multe malhelpis manko de sperta turista gvidanto.

B.Tokarev: Nia grupo havis sufiĉe bonan konsiston. Multaj sufiĉe aktive ekparolis. La metodo de marŝado aparte de la aktivularo al mi plaĉis. Necesas ellabori unuecan programon por ĉiuj grupoj. La ekzamenoj post la PP ne necesas, ĉar la gvidantoj ĉion vidas mem.

V.Golencova: En la grupo estis homoj de diversaj aĝoj. Kelkaj ne emis lerni.

M.Bronŝtejn: Mi interparolis kun Ŝilas. Lia grupo estas escepta okazo, ĉar li mem estis samtempe kaj lingva instruisto, kaj turista gvidanto, kaj gitaristo. Danke al tio li sukcesis krei kolektivon, kaj mem li estis tre kontenta pri sia grupo.

Ĝenerale la PP postulis multajn zorgojn kaj specialajn klopodojn.

La plej grava problemo estis trovi necesan kvanton da gvidantoj. Laŭ la aliĝiloj ni ne povis difini la lingvan nivelon de la PP-anoj, kaj ni kompilis la grupkonsistojn laŭ aĝo kaj sekso. Pri la programo mankis helpo de la metodika fako. La vojplanoj estis preparitaj anticipe, Sekvajare indas ripeti la eksperimenton en REJToj sur pli alta nivelo.

B.Tokarev: La turista gvidanto ne nepre posedu Esperanton.

G.Cejtin: Mi kontraŭas. En la grupo estu komuna lingvo.

G.Gercikov: Necesas organizi tri diversnivelajn grupojn, kiuj marŝu kune.

G.Cejtin: La grupoj restu unuecaj ankaŭ en la tendaro.

La Konferenco aŭskultis raportojn de la Kluboj-Esplorantoj por 1977. Estas decidite, ke la Kluboj-Mastroj por REJToj estu Miass (Orienta tendaro), Poltava (Okcidenta tendaro) kaj Kluboj-Dublantoj - respektive Ufa kaj Riga.

Kiel Kluboj-Esplorantoj por 1978 estas rekomenditaj Barnaul, Krasnojarsk (Oriento) kaj Novomoskovsk, Maĥaĉkala (Okcidento).

La Konferencon estas decidite organizi en Poltava post la tendaro.

Malfruinta raporto:

MAGNITOGORSK (G.Maŝkin). La grupo kreiĝis pasintjare. Ĝi nombras 17 anojn, aktivas 7. Oni partoprenis kelkajn renkontiĝojn, aperigis artikolon. Estas peto kandidatigi la grupon al SEJM.

La Konferenco decidas akcepti la grupon kandidate al SEJM.

P.Jegorovas voĉlegis projekton de la Decidoj.

Oni akceptis ĝin kun aldonoj.

Protokolis: R.Citlaŭ (Ustj-Kamenogorsk)
Z.Miŝina (Barnaul)
G.Lenskaja (Apudmoskvo)
N.Ŝĉerbakova ( - " - )

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

KALENDARO DE RENKONTIĜOJ POR LA AGADJARO 1976/77

Ĉebaltia regiono

"Pomo-76" - septembro, apud Kaunas - Kaunasa E-klubo
"Muzo-76" - 2. - 3. 10., apud Vilnius - Vilniusa E-klubo
"Ora folio -76" - 7. - 8. 11., apud Riga - Riga E-klubo
Novjara renkontiĝo - 1. - 2. 1., apud Vilnius - Vilniusa E-klubo
"Neĝfloketo-77" - marto, Karli (Latvio) - Riga E-klubo
Boatmarŝo "Ignalina-77" - 30.4. - 2.5., Ignalinaj lagoj (Litovio) - Vilniusa E-klubo
"Giruliai-77" - 25. - 26. 6., Giruliai apud Klaipeda - Klaipeda E-klubo
"Esperanto kaj naturo" - VIII - komence de julio, Estonio - Tallina E-klubo
BET-18 - komence de aŭgusto, Latvio - Riga E-klubo

Centro-Rusia regiono

CRRER-15 - 30.4. - 2.5., Apudmoskvo - Moskva E-klubo
"Verda zono" (renkontiĝo por komencantoj) - 7. - 9. 5., apud Leningrado - Leningrada E-klubo

Volgo-Urala regiono

REVU-14 - 6. - 8. 11., Sizranj - Sizrana E-klubo
REVU-15 - majo, Permj - Perma E-klubo

REJT Orienta - julio-aŭgusto, Miass - Miassa E-klubo

Suda regiono

REJT Okcidenta - julio-aŭgusto, Poltava - Poltava E-klubo

Azia regiono

OSER - 6. - 8. 11., Krasnojarsk - Krasnojarska E-klubo

Kompilis M.Belogolovskij (Doneck),
M.Gilinskij (Leningrado)

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

EN LA KOMITATO DE SEJM

La 30-an de aŭgusto M.Bronŝtejn turnis sin al la Komitato kun peto liberigi lin de la SEJM-prezidanteco pro gravaj personaj cirkonstancoj. La demando pri lia eksiĝo kaj la eventualaj solvoj estas nun studataj de la Komitato. Pri la akceptota decido aperos komuniko en la sekva numero de "Aktuale". Dume k-do Bronŝtejn restas sur sia posteno.

"KURTE" - LA DUSEMAJNA SEJM-INFORMILO

estas fondita laŭ decido de la 10-a SEJM-Konferenco. Ĉiujn urĝajn informojn, petojn, sciigojn, anoncojn k. s. oni estas petataj sendi al ĝia redaktoro V.Ŝilas: 232009 Vilnius-9, Daukanto 8 - 9. Similaj materialoj de neurĝa karaktero estas daŭre akceptataj al "A".

DEZIRAS KORESPONDI

- 27-jara kubano, fraŭlo, teknikdesegnisto - pri kutimoj, interŝanĝi pm, bk, sondiskojn de moderna muziko. Felipe FELIPE, Calle 23 No. 1613 apt. 31 e/ 28 y 30 Vedado, HAVANO 4, Kuba.
- 28-jara portugalo, doktoro pri filozofio - kun universitataj studentoj pri filozofio kaj eŭropa kulturo, Dr. Alberto SANTOS, Rua Vianna da Motta, 10-r/c-D, S. P. ESTORIL, Portugalio.

Sendis P.Jegorovas (Vilnius)

AL LA LEGANTOJ DE "AKTUALE"

Ĉi tiu numero de "A", la unua post la redakcia ŝanĝo, estis preparata samtempe kun kaj sendepende de la N-ro 6(33). Tial mi komencis la numeradon de la paĝoj kaj kajeroj denove - por fari ĝin konforma al la koncepto de la ĉiujara - baza por la tuta SEJM-kronikado.

Estas planate, ke ĉiumonate la numero ampleksu 10 paĝojn. Nur pro malplena redakcia teko ĝi povas esti pli magra. Mi esperas tamen, ke tio ne okazos kaj la materialoj venados konstante.

La redakcia fermo estas la 10-an de ĉiu monato, do zorgu pri la ĝustatempeco de viaj kontribuaĵoj. Memoru, ke la a k t u a l e c o de "Aktuale" dependas ne nur de la redakcio, sed ankaŭ de vi!

V.Aroloviĉ, la nova redaktoro de "Aktuale".

EN LA SEKVA NUMERO

- Decidoj de la 10-a SEJM-Konferenco kaj la nova Regularo de SEJM
- Ni zorgu nian historion (D.Cibulevskij)

La informilo estas uzenda nur enlande! Pintajpita 24.9.76.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al: 121019 Moskvo d/v, Aroloviĉu V.S.